




# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

**Kun literatura aldono**

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de**
**CENTRA ASOCIO**
**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**

*Ni laboros por Esperanto.*

Redaktoro: **Ed. Kühnl.**
PRAHA.

VII. 1914.

Presejo de Národní tiskárna a nakladatelství, společnost s r. o. en Praha




**REDAKCIO:**
**PRAHA II. DITTRICHOVA UL. 7. BOHEMUJO.**
**ED. KÜHNL.**

**1. VII. BOHEMA REVUO ESPERANTISTA. 1913.**

**Cena: 30 hal.**

**Kdo si ponechá toto číslo, aniž by zaslal předplatné, - - - - - - není považován za odběratele. - - - - -**

# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ
# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

**Kun literatura aldono**

# LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de**
**CENTRA ASOCIO**
**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**
**(OFICEJO: PRAHA II., VODIČKOVA ULICE 38.)**

Vychází 10krát ročně (kromě prázdnin).

Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk a vrací netištěné rukopisy, byla-li přiložena známka; práce původní mají přednost.

Předplatné v Rakousku 3 K, pro cizinu Fr. 3·75 = 1½ Sm.

Účet pošt. spoř. 93.281.

(Prosíme o adresy přátel Esperanta, kterým bychom mohli zaslati s úspěchem ukázkové číslo.)

Aperas dekfoje en jaro (krom libertempo.)

La redakcio rezervas al si la rajton aranĝi la artikolojn por preso kaj resendas manuskriptojn nepresitajn, se poŝtmarko estis almetita; artikoloj originalaj estas preferataj.

Abono en Aŭstrio 3 K, por la fremdlando Fr. 3·75 = 1½ Sm.

Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista en London.

**UPOZORNĚNÍ!**

Vzhledem k zvýšení ceny tisku nemůžeme poskytovati nikomu „Časopis" za cenu sníženou. Pouze ten, kdo získá pět **nových** předplatitelů, obdrží jeden výtisk zdarma.

Doporučujeme všem přátelům dobré esperantské četby, aby obohatili svou knihovnu dosud vyšlými šesti ročníky „Časopisu Českých Esperantistů", které lze dostati za cenu sníženou: Roč. I., II., III., IV., V., po K 2·20 (pro členy B. U. E. po K 1·70), roč. VI. za K 2·50 (K 2·20). **Příloh bez časopisu nelze obdržeti.**

---

JEDINÁ PŮVODNÍ ČESKÁ UČEBNICE ESPERANTA METHODA KÜHNLOVA:

**Úplná methodická učebnice Esperanta pro školy a samouky.** III. vydání. 144 str. Cena knihy v angl. vazbě K 2·40.

DLE METHODY KÜHNLOVY VYUČOVALO SE OD R. 1909 VE 150 KURSECH.

## ESPERANTA GAZETARO.

*(La prezoj en Sm. rilatas la abonon por eksterlando; 1 Sm. = K 2·40.)*

**Oficiala Gazeto Esperantista** (E.) 5 Fr. (2 Sm.) Paris,, 51 rue de Clichy.
**La Revuo** (literatura gazeto E.) 6 Fr. (Sm. 2·40) Hachette & Cie. Paris, 79 bd. St. Germain.
**Lingvo Internacia** (centra organo E.) 5 Fr. (2 Sm.) Presa Esperantista Societo. Paris, 33. rue Lacépède.
**Universo** (E.) M 6·15 (3 Sm.). Eld. Heckner. Wolfenbüttel. Germanujo.
**Scienca Gazeto** (E.) Fr. 7·59 (3 Sm.) Hachette & Cie. Paris.
**Kuracisto** (E. medicina organo). 3 Sm. Warszawa, str. Szopena 1.
**Oficiala Bulteno de T. E. K. A.** (E. org. de Kuracistoj). Sm. 2·500.
**La Marto** (E.) 5 K (Sm. 2·200). Haida, Bohemujo.
**Esperanto** (E. organo de U. E. A. kun aldonoj: Interŝanĝa Bulteno. Komerca Bulteno. Propagandisto. Oficiala Bulteno de U. E. A.) 5 Fr. (2 Sm.). Genève, 10. rue de la Bourse.
**Vekiĝo** (E.) 2 Fr. (1 Sm.). Paris V., 11. rue des Feuillantines.
**Juna Esperantisto** (E.) 3 Fr. (Sm. 1·200). Presa Esp. Societo. Paris, 33. rue Lacépède.
**Poŝta Esperantisto** (E.) 1 Sm. Breslau 16. Maxstr. 22.
**Internacia Stenografia Gazeto** — Stenografia Aldono (laŭ sistemo Gabelsberger-Schramm E.) Dresden 20.
**Internacia Pedagogia Revuo** (E. org. de instruistoj) Sm. 1·500 Antwerpen, 444. Boomsche Steenweg. Belgujo.
**Monda Poŝto** (E. fr. germ.; organo de kolektantoj) 3 Fr. (Sm. 1·600). Fischenthal. Zürich.
**Tra la Filatelio** (E. fr.) 2 Fr. (premio). Paris II. rue d' Argout 63.
**Esperanta Ligilo** (E. por blinduloj). 3 Fr. (Sm. 1·20). Paris, 12. rue Soufflot. [Germanujo.
**La Internacia Abstinenta Observanto.** Sm. 1·500. Bomlitz. Hanover.
**Fervoja Esperantisto** (E. dumonata). 1 Sm. Paris, 33. rue Lacépède.
**La Bulteno** (E. komerca bulteno). Sm. 0·400 (Sm. 0·500) Charleroy. 13 r. des Bouchers. Belgujo.
**Dia Regno — La Stelo de l' Feliĉo** (E.) 1 Sm. + 0·650 Sm. Dellbrück ap. Köln. Germ.
**Libera Penso** (E. dumonata). 1 Sm. Paris, 33. rue Lacépède.
**Espero Katolika** (E.) 5 Fr. (2 Sm.). Den Haag, 93. Prins Hendrikstraat. Nederlando. [Crispijnstr. 57.
**Nederlanda Katoliko** (E. holanda). 1 Fl. (Sm. 1·040). s' Bosch. St.
**Germana Katoliko** (E. germ.). Sm. 1·500. Augsburg, Schulzestr. 17.
**L' Espérantiste Catholique** (E. franca). Fr. 2·50 (Sm. 1·200). Paris, 20. rue d' Angoulême. [aderstr. 94.
**Internacia Socia Revuo** (E.) Fr. 3·50 (Sm. 1·400). Amsterdam, Ost-
**Le Travailleur Esperantiste** (E. fr.) Fr. 1·50. (Sm. 1·100) Paris III. rue de Bretagne 49. [singel 170/8.
**Arbeider-Esperantist** (E. hol.) Sm. 0·400. Den Haag. Z. O. Buiten-
**La Kulturo** (E. boh. gazeto de bohema laboristaro esperantista en Aŭstrio) K 1·70 (Sm. 0·840). Praha II., Hybernská ul. 7.
**Antaŭen** (E. germ.) M 2·20 (Sm. 1·400). Hamburg 5. Beim Strohhaus 31e III.
**Časopis Českých Esperantistů** (E. bohema kun lit. ald.) 3 K (Sm. 1·500). Praha II. Dittrichova ul. 7. Bohemujo.
**The British Esperantist** (E. angla). 3 Sh. (Sm. 1·500). London W. C. 133—136. High Holborn. [C. 133 High Holborn.
**The Esperanto Monthly** (E. angla). 1 s. 6 d. (Sm. 0·800) London W.
**Franca Esperantisto** (E. fr.) 3 Fr. (Sm. 1·500). Paris. 51. rue de Clichy.

**La Movado** (E. fr.) 2 Fr. (Sm. 1·100). Paris, Bd. St. Marcel 61.
**Bulletin Officiel de la S. f. p. E.** (E. fr.) 1 Fr. Paris, 33. rue Lacépède.
**Le Monde Espérantiste** (E. fr.) Fr. 1·50 (Sm. 0·800) kun „La Vero".
**La Vero** (E. fr.) 1 Fr. (Sm. 0·700). Paris, 3. rue Sophie-Germain.
**La Dek-Sepa** (E. fr.) 1 Fr., Paris, 179. Bd. Pereire.
**Paris-Esperanto** (E. fr.) Fr. 1·50. Paris, 2. rue de l' Arc-de-Triomphe.
**La Langue Internacionale** (E. fr.) 1 Fr. (Sm. 0·400). Louhans, Gd.-r. 39.
**Sarta Stelo** (E. fr.) 1 Fr. Le Mans, 15. bis, route d' Alençon. Francujo.
**Norda Gazeto** (E. fr.) 1 Fr. St. Omer, 5. rue de Belfort. Francujo.
**Pikarda Espero** (E.) 1 Fr. Amiens, 10. rue Chanzy. Francujo.
**Normanda Stelo** (E. franca). 2 Fr. (Sm. 0·800). Rouen, 41. r. Vicomté.
**Le Petit Espérantiste** (E. fr.) Fr. 1·10 (Sm. 0·600) Louhans 39. Gd. Rue. Francujo S. & L.
**La Semado** (E. fr.) 1 Fr. Laval. 2, Grande-rue, Francujo.
**Germana Esperantisto** (E. germ. duonmonata; eldono A. propaganda, B. literatura) 4 M (Sm. 2·250). Unu eld. aparte 2 M (Sm. 1·125). Ader & Borel G. m. b. H. Dresden A. 1. Struvestr. 40.
**Germana Esperanto-Gazeto** (E. germ., semajna) 5 M. (Sm. 3·500). Magdeburg, Kaiser Friedrichstr. 1.
**Mitteilungen** des Nordalbingischen E.-Verbandes (E. germ.) Lübeck, Gertrudenstr. 17.
[Bernauerstr.
**Bayrische E.-Mitteilungen** (E. germ.) Sm. 0·500. Augsburg, 41. I.
**Sonorilo Elzasa** (E. germ.) po 15 Sd. Mühlhausen, 5. Klettenbergweg.
**German-Aŭstria Esperantista** (E. germ.) 3 K (Sm. 1·250). Wien VI. Dürergasse 19.
**Der Esperanto-Kamerad** (E. germ.) 1 M (Sm. 0·500). Kiel, Sophienblatt 66.
[büttel. Germ.
**Rund um die Welt** (E. germ.) 3 M. (Sm. 1·500). Eld. Heckner, Wolfen-
**Eĥo Esperantista** (E. aldono de „Echo"). Berlin. Dessauerstr. 1.
**La Ondo de Esperanto** (E. rusa). 2 Rb. (Sm. 2·120) kun senpaga liter. aldono. Moskva. Tverskaja 26.
**Volga Stelo** (E. rusa). 1 Sm. Saratov, 136. Sokolovaja.
**Kovno-Esperanto** (E. rusa). 1 Rublo (Sm. 1·600). Kovna Esperantista Societo. Ruslando.
[Kauppiaskatu 11.
**Finna Esperantisto** (E. sveda finna). 3 Fmk. (Sm. 1·200). Helsinki,
**La Verda Standardo** (E.) 5 K (Sm. 2·20). Eger. Részvénynyomda. Hungarujo.
[utca 10.
**Hungarlanda Informilo** (E.). 2 K (Sm. 0·950). Budapest VII. Kazinczy-
**Okcident-Hungara Stelo** (E.) K 2·40 (Sm. 1·200) Poszony.
**Panonio** (E.) 2 K (Sm. 0·850). Györ, Vásár-tér 9. Hungarujo.
**Pola Esperantisto** (E. pola) Rb. 2·50 (Sm. 2·650) kun senpaga literatura aldono. Warszawa. Ul. Szopena 8.
**Ukraina Stelo** (E. rutena) K 3·36 (Sm. 1·40). Kolomea gimnazio. Galicio.
**Danubo** (sole en E.; org. bulg.-rumana) L 3·50 (Sm. 1·40). Bucuresti, 159. Str. Romana (ne aperas dum la milito).
**La Lumo** (E. bulg.) Sm. 1·300 Tirnovo. Bulgarujo.
**Itala Esperantisto** (E. itala). 2 L. (Sm. 0·850). Genova 13. Salita Pollainoli.
[Kl. Beerstraat.
**Belga Esperantisto** (E. fr., flandre) Fr. 4·00 (2 Sm.). Antwerpen, 45.
**Tutmonda Espero** (E.) 3 Fr. (Sm. 1·600). Barcelona. 280. Diputació.
**Kataluna Esperantisto** (E.) 4 Fr. (Sm. 1·600). Sabadell, Str. Gracia 12.
**La Suno Hispana** (E. hisp.) 3 P. (Sm. 1·188). Valencia, 26. Colón.
**Bulteno de „Barcelona Stelo"**. Barcelona 88. Str. M. del Duero.
**Portugala Revuo** (E. portug.) 700 r. (Sm. 1·600). Pórto, Rua do Rosário 215.

# OBSAH — ENHAVO.



*　　　*

LEGOLIBRO de bohemaj Esperantistoj:



---

## BIBLIOTEKO DE ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ.

*Redakce „Časopisu Českých Esperantistů“* (*Praha II. Dittrichova ul.* 7.) *zasílá tyto publikace:*

☛ Kühnl-Procházka: **Slovník česko-esperantský** (25.000 slov) 288 str. Cena váz. K 3·60 (se slevou pro členy spolků B. U. E.: K 3·10). ☚

Methoda Kühnlova: Úplná **učebnice Esperanta** pro kursy a samouky. III. vyd. 144 str. Váz. K 2·40 (2 K).

**Časopis Českých Esperantistů** s literární přílohou, zal. 1907. Roční předpl. 3 K. Starší ročníky pro předplatitele po K 1·20.

Tobek-Procházka: Esperantský **překlad Babičky** Bož. Němcové vyšel v příloze „Časopisu Českých Esperantistů“ 1909—1914. (Bez časopisu nelze obdržeti).

Zamenhof-Kühnl: **Fundamento de Esperanto** se slovníkem esper.-českým 91 str. K 1·10.

**Sherlock Holmes** en servo de la hispana trono. Esperanta satiro. 42 str. K 0·75 (60 h).

**Praha: Ilustrita gvidlibro por turistoj.** (44 obr. 63 str.) Cena 60 h. vypl. 25 Sd). Dr. Zamenhof: *„Kelkaj prove legitaj lokoj donas al mi plenan certecon, ke la libro estas tre bona kaj estos sendube tre utila.“* (Vyznamenáno I. cenou o V. kongresu).

**Klíč Esperanta** (mluvnice se slovníčkem esp.-českým) 24 str. 5 h.; 50 ex. 2 K.

**Oficiala Jarlibro** de Centra Asocio Bohema Unio Esperantista. **adresaro** de bohemaj korespondantoj (pli frue Faukner-adresaro). Cena adresáře i se zápisným 40 hal. vypl.

**Na obranu Esperanta**: historie a theorie Ida (znetvořeného Esperanta). Český výtah Kotzinovy esper. brožury. 32 str. 40 h (30 h).

**Officielní zpráva o I. Kongresu Českých Esperantistů v Praze.** S illustracemi. (48 str.) Cena 1 Kor. vypl.

**Co jest Esperanto?** Česká informační brožura (16 str.) 3 h; 50 ex. K 1·20.

**Pohlednice na Prahu** s esp. texty a vysvětlivkami. Serie 30 druhů K 1·70. Jednotlivě po 6 h.

**Gvidfolio tra Praha** 4 str. 2 h.

**Propagační obálky** s českým textem 50 ex. 50 h.; **dopisnice** 20 ex. 15 h. — **Esperantské nálepky**: 120 kusů (6 druhů) 53 hal.

Návod k **založení esp. spolku** (s tiskopisy) 50 hal.

**Stanovy** sdružených **klubů** po 3 h; členské legitimace po 2 h.

**Odznaky** českých Esperantistů (zelená hvězda v bílém poli) 70 h, menší 50 h. (Pro členy spolků BUE 10 ex. K 4·45).

V závorkách jsou udány ceny se slevou, poskytované **pouze** členům spolků sdružených v BUE.

Při objednávce vyžádejte si složní lístek, který se zasílá zdarma. Objednávky se vyřizují pouze za obnos předem zaslaný.

Ústní informace v kanceláři BUE: Praha II. Vodičkova ul. 38. (Pravidelně otevřeno 12—½2).

⌘ ⌘ ⌘

# DEKJARA JUBILEO DE ESPERANTO EN BOHEMUJO.

Intima festo okazis la 14. de decembro en Praha: La Esperantista Klubo, fondita antaŭ dek jaroj, aranĝis solenan kunvenon en la restoracio „U Vejvodů", kiun partoprenis 50 membroj kun siaj gastoj. En tiu ĉi amika rondo estis dediĉita memoro al la pasintaj okazintaĵoj, kiujn ni sube priparolas pro ilia intereso kaj ĉar de multaj ili ne estas konataj, kvankam en la historio de nia movado ili ludis gravan rolon.

La ĉeestintojn salutis prezidanto s-o konsilanto Dr. Rosický, kiu alparolis ilin:

„Ni kunvenis hodiaŭ por festi la dekan datrevenon de la tago, aŭ pli bone de la vespero, kiam estis fondita nia klubo, la unua en Bohemujo. Dek jaroj estas certe mallonga tempo en la societa vivo, tamen ni volas halti, kiel faras migranto, kiam li trapasis parton de la projektita vojo kaj rigardi malantaŭen sur la vojon trairitan dum la unuaj jaroj. Tiu ĉi vojo estis klopoda, la malhelpajoj pro la indiferenteco kaj nekompreno de la nova ideo estis grandaj, sed tiom pli forta estis la amo kaj la sindono de la unuaj batalantoj al la nova, simpla lingvo kaj al ĝia alta interna ideo. El tiuj fondintoj sole du persistis ĝis hodiaŭ en la servo de nia klubo, nome la fratoj František kaj Eduard Kühnl. Eĉ dum la plej malĝojigaj tagoj, kiam danĝera skismo jam minacis ĉion ruinigi, ili ne malesperis, sed konfidante la justan aferon, ili savis la klubon kaj eble la tutan movadon ĉe Bohemoj en Praha. Mi opinias do, tre estimataj, ke Vi ĉiuj konsentos, se mi uzos tiun ĉi okazon por danki ilin sincere por iliaj ĝisnunaj gravaj servoj faritaj al la Klubo kaj per tio ankaŭ al nia afero.

El la 25 fonditaj membroj kelkaj mortis, multaj forgesis pri Esperanto kaj nur kun tre malmultaj el ili ni havas nun okazon iam kunveni; ili estas: s-oj E. Weinfurter, la unua prezidanto, Stan. Balík kaj Jos. Kopecký, kiu antaŭ dek jaroj ĉeestis la fondan kunvenon kiel landestra komisario kaj kiu fariĝis poste nia samideano.

Post la fondiĝo de la Klubo trovis Esperanto daŭran hejmon inter Bohemoj; la Klubo fariĝis fokuso kaj ĝermo, el kiu poste kreskis filioj, grupoj kaj kluboj: en České Budějovice, la virina grupo en Praha, filioj en Plzeň, Prosek k. t. p. Tiel estis donita larĝa bazo por pli malfrua organizo en nia Centra Asocio B. U. E., kies laboro propaganda subtenas nun tiel bone nian tutan movadon boheman.

Ni ne sole esperu, sed ankaŭ klopodu, ke nia Klubo en Praha ĉiam kresku kaj floru kaj kun ĝi latuta afero esperanta."

Poste estis tralegitaj la salutaj telegramoj kaj leteroj, venintaj de: Esperantista Societo en Kraków, Germana Unuiĝo Verda Stelo en Praha, Bohema Esperantista Klubo en Wien, s-o Rohlíček en Basel — Svisujo, s-o supera fervoja komisario inĝ. Sitko en Brno, Internacia Asocio de Bankistoj en Dresden (s-o Dr. Arnhold), German-Aŭstria Esperantisto en Wien (s-o Dr. Werber), Esperantista Klubo en Kutná Hora (s-o faka instr. K. Horáček), Esperantista Klubo en Hradec Králové (s-o Michálek), Esperantista Klubo en Plzeň (s-oj J. Schwarz, A. Loukota, J. Brožík), Esperanta Rondo en Wien (s-o V. Jaroš), s-o B. Bernard en Hamburg, s-o instr. Švingr en Cehnice, s-o Jindř. Pohl el Plzeň, s-o Fr. Stachura el Polská Ostrava, s-o faka instruisto Bůžek el Plzeň, s-o Fr. Fišer el Strakonice, s-ino Eliška Kočvarová el Rokycany, s-o Dr. Schulhof el Pardubice, f-ino E. Lehnertová el Plzeň, s-o Frýba el Semily. Persone salutis per sia delegito „Laborista Asocio Esperantista en Praha". La Klubo sincere dankas ĉiujn nomitajn amikojn por ilia esprimo de sukceso kaj petas, ke ĉiuj akceptu pere de tiuj ĉi linioj elkorajn amikaĵojn de ĉiuj partoprenintoj.

La vortoj de sinjoro prezidanto same kiel la laŭtlegataj salutoj estis per viva aplaŭdo akceptitaj.

Kun intereso estis aŭskultitaj kelke da aludoj pri la unuaj laboroj de samideanoj en Praha, entreprenitaj antaŭ dek jaroj kaj celintaj la fondon de la Klubo. S-o Kühnl dediĉas memoron al siaj unuaj kunhelpintoj, kiujn kunigis okaza vizito de la rusa Esperantisto Seleznjev; ĉi tiu serĉadis la kelkajn tiame enskribitajn samideanojn laŭ la Zamenhofa Adresaro kaj tio donis al ili okazon interkonatiĝi. Post lia forveturo okcidenten restis en Praha tiel forta intereso pri starigo de centro, ke malgraŭ la ĉiuflanka malkompreno kaj nur kun tre malmultaj kunlaborintoj estis post prepara kunsido (en ĉambreto de Konvikt) anoncita publike la fonda ĝenerala kunveno, okazinta en granda salono „u Štajgrů". La ĉambrego estis bedaŭrinde tiom granda, kiom malplena. Sed la kunvenintaj 25 gastoj tamen metis fundamentan ŝtonon por nia afero, kiu dum la dek jaroj havigis al Esperanto milojn da novaj adeptoj.

(*Daŭrigo.*)

---

***Jus antaŭ la presado de la gazeto ni ricevas la malĝojigan sciigon pri la morto de nia estimata amiko, prezidanto de „Bohema Klubo Esperantista en Wien" sinjoro Karel Macháček, supera poŝta oficialo.***

# J. A. KOMENSKÝ (COMENIUS).

*El „Dějiny pedagogiky“ (Historio de pedagogio) verkita de prof. Dr. O. Kádner kaj eldonita de „Dědictví Komenského“.*

En tempo de ĝenerala dekadenco de la germana kulturo kaj memstareco, kiam el okcidento ekdisvastiĝas fremdaj influoj kaj nekuraĝe liberigas al si la vojon ideoj de eduka realismo, per mirinda ironio de la historio ĝuste el la Unuiĝo de Bohemaj Fratoj, kiu tiel longe kaj obstine sin defendis kontraŭ la humanistaj celadoj, restante fidela al idealoj antikvo-kristanaj, eliris viro, kiu per grandioza koncepto la unuan fojon resumis ĉiujn pedagogiajn bezonojn de la nova tempo kaj sur realisma bazo unuafoje konstruis ĝeneralan didaktikon kaj solvis specialajn demandojn metodikajn, viro, kiun Michelet nomis Galilei de la edukado — („un beau génie, grand, doux fécond, savant, universel, le Galilée de l' éducation“) — Jan Amos Komenský (Comenius). La tragedia cirkonstanco, ke al la Unuiĝo, jus, kiam ĝi donis la plej brilan floron, estis forprenita tero de la hejma evoluado kaj ĝiaj adeptoj estis elpelitaj el la malriĉigita kaj de fremda soldataro inundita patrujo, estis samtempe la feliĉa kaŭzo, ke la tendencoj de Komenský disvastiĝis en la tuta tiame klera mondo kaj ke ili havigis al sia aŭtoro mondfaman nomon. Pelata de loko al loko, persekutata de terura sorto de sia eklezio, nenie trovante ripozon nek trankvilon, li re- kaj refoje provas realigadi en diversaj lokoj de Eŭropo siajn reformajn ideojn kaj estas tiel mem ilia plej bona propagandisto. Mireginda estas la spirita forto de tiu ĉi viro, kontraŭ kiu eĉ raba elemento de fajro konspiris kun homa malico por detrui la fruktojn de lia multjara penado kaj de la multegaj noktoj sendormaj kaj kiu tamen refoje kaj denove kolektas la fortojn por nova batalo kaj ankoraŭ en la verketo „Unum necessarium“ (Unu necesa), skribita nelonge antaŭ la morto, sin ĝojigas per la espero, ke almenaŭ la estonteco foje efektivigos liajn projektojn, kiam estos aperintaj novaj floroj sur nia tero kaj kiam komenciĝos tempo de renaskiĝo.

Li ekvidis la lumon la 28. de marto 1592 en Uherský Brod (Moravio), kie lia patro Martin estis muelisto. (La familio devenis el Komna, Komenský mem estis edukita en Nivnice). Nur en la aĝo de 16 jaroj li eniras latinan lernejon en Přerov, de kie li foriras en la universitaton en Herborn, kie li konatiĝas kun Alsted kaj krom aliaj venis tie al li ideo pri bohema vortaro kaj pri ĝenerala priskribo de la mondo (Theatrum universitatis rerum), kiu estas la unua elmontro de liaj pli postaj tendencoj pansofie-enciklopediaj. Pasiginte iom da tempo per vojaĝado precipe tra Nederlando kaj per studado en la universitato en Heidelberg, li revenas en la patrujon kaj por siaj lernantoj en Přerov li verkas sian unuan verkon didaktikan, la hodiaŭ perdiĝintajn instruojn de pli facila gramatiko.

(Grammaticae facilioris praecepta 1616). Fininte la teologiajn studojn, li travivas iom da feliĉa tempo en Fulnek, de kie li estas devigita forkuri post la batalo sur la Blanka Monto. Forlasinte Moravion, kie li perdis pro pesto sian tutan familion kaj per fajro la tutan havon, li sin kaŝas en la jaroj 1621—1628 en Bohemujo, serĉas konsolon studante Biblion kaj verkas sian kristanisman utopion „Labirinto de la mondo", tradukas „Psalmojn" kaj hazarde trovinte Didaktikon de Elias Bodin, li ricevas la ideon pri sia granda Didaktiko, kiun li ĉeftrajte skizis ankoraŭ en Bohemujo. Kun la lastaj restintoj el la Unuiĝo de Bohemaj Fratoj li alvenis en la j. 1628 al Leŝno, li fariĝis ĉi tie senioro de la bohemfrata komunumo religia kaj administranto de la tiea latina lernejo, por kiu li ĉirkaŭ la jaro 1635 verkis ankaŭ leĝojn (Leges illustris gymnasii Lesnensis); tie li finis la Didaktikon kaj disvolvis epokofarantan agemon en la reformo de lingvoj kaj en organizado de lernejoj, ĉar el tiu ĉi tempo datiĝas ankaŭ liaj Pordego de lingvoj malfermita (Janua linguarum reserata), Vestibulum, Informatorium por la hejma infanedukado kaj krom multnombraj verkoj teologiaj ankaŭ aliaj libretoj pansofiaj.

Rifuzinte la unuan inviton al Svedujo li ekvojaĝis en la j. 1641 en Anglujon, kie preparis al li la vojon Samuel Hartlib, eldoninte jam en 1637 Prodromus Pansophiae sen scio de la aŭtoro, verketon, kiu, kvankam ĝi kaŭzis tiam sensacion en la tuta klera mondo, tamen al Komenský profitigis riproĉon pri malkredo kaj paganismo. Sed la bataltumultoj, de kiuj estis Anglujo agitata, detruis ĉiujn planojn de parlamento kaj de amikoj de Komenský, kiu poste, akceptinte proponon de riĉa komercisto nederlanda, Ludoviko de Geer, „almozdonanto de Eŭropo", transiris en Svedujon kaj tie post iom da hezitado, kvankam kontraŭvole, kaj laŭ sia opinio nur provizore, prokrastis siajn planojn pansofiajn; li konsentis kun kelke da helpantoj en urbo Elblag verkadi lernolibrojn por la svedaj lernejoj; ĉi tie li verkis ankaŭ la kulminan verkon de siaj lingvistikaj tendencoj: La plej nova metodo de lingvoj (Methodus linguarum novissima 1648).

# INFORMOJ PRI LA BOHEMA NACIO.

**La rajto de nacioj** (Le droit des peuples), ĉi tiun signifoplenan devizon elektis kiel sian nomon nova internacia organizaĵo en Parizo, kiu prenis sur sin la taskon influi la publikan opinion ĉe ĉiuj kulturaj nacioj kaj labori tiel por bono de la subpremataj nacioj kaj por ilia subteno. La nova „Ligo por la rajto de nacioj" fondiĝis sub prezido de fidela amiko de la bohema nacio, la glorfama profesoro ĉe la pariza universitato E. Denis en kunveno de emi-

nentuloj el la unuaranga pariza societo la 15. de decembro 1912, kaj komencis labori eldoninte la unuan numeron de sia monata revuo „Cahiers mensuels de la Ligue Internationalle pour la défense du Droit des Peuples“. Tuj en la unua kajero de tiu ĉi revuo, kiu krom la programo de la nova ligo enhavas interesajn raportojn pri aktualaj demandoj de diversaj nacioj, precipe pri la slavaj, estas ankaŭ publikigita rimarkinda artikolo el plumo de la bohema verkisto prof. J. Hantich pri la bohema nacio kaj pri ĝia sindefenda batalo kontraŭ la germaniga perforto. Precipe estas tie priskribita la kultura skandalo kaŭzita per la sigelfermo de la privata bohema lernejo „Komenský“ en Wien III. — skandalo ebla sole en la miasmoplena atmosfero aŭstria — kaj akre estas tie karakterizata precipe la iniciatinto de la kontraŭbohema persekutado, la estinta urbestro wien'a, Dr. Neumayer, jus devigita pro siaj skandaloj rezigni je sia ofico. — Membro de la Ligo povas fariĝi ĉiu persono kaj korporacio, paganta jare 10 Fr., por kiuj ĝi ricevas ankaŭ la revuon. (Adreso: Paris VI. rue Visconti 21.).

**Kelke da ciferoj por la statistiko.** Post kiam la dek mil konteroj de la pasintjara **sokola manifestacio** en Praha estis ordigitaj, oni trovis, ke la grandioza festo, kiun partoprenis 17.877 ekzercantoj — la plej granda nombro ĝis nun ĉe la tutmondaj gimnastaj festoj atingita — altiris al la bohema metropolo 300.000 fremdajn gastojn el ĉiuj partoj de la mondo kiujn dum kvar tagoj transportis 1292 specialaj vagonaroj. La urba elektra tramvojo transportis en 4 tagoj 1,315.000 personojn. La elspezoj por la tuta aranĝo atingis 656.600 K (preskaŭ duono de tiu ĉi sumo estis bezona por elkonstrui la arenon, kiun vizitis dum la 4 ĉefaj festotagoj 882.000 pagintaj gastoj). Laŭ la proksimumaj kalkuloj de la prepara komitato oni esperis, ke la elspezoj atingos 657.400 K — do diferenco sole 800 K; eĉ en tio la aranĝintoj estis tre precizaj. Donacoj kaj subvencioj havigis al la Sokola Unio 400.000 K, kiuj restis rezerva netuŝita kapitalo. Dum la ekzercoj deĵoris 80 kuracistoj: ili helpis en 3200 okazoj de tute negrava signifo (precipe ofta sveno pro interpremado de la publiko). Ĉe la vetekzercoj okazis eĉ ne unu akcidento. Por loĝigi la tutan sokol-armeon oni prunteprenis en la kazernoj 26.000 pajlosakojn, por kiuj la ŝtato prezentis sian fakturon — 4200 K.

## LA INTERSLAVA LINGVO.

**Interslavaj rilatoj.** En la II. jarvolumo de Č. Č. E. pĝ. 35 ni traktis pri la utilo, kiun alportus al la slavaj nacioj la ebleco de reciproka kompreno. Ni, Esperantistoj, kiuj tiel facile rilatas kun la tuta mondo, trovas, ke la solvo estas ankaŭ al la Slavoj donita per Esperanto, per la genia verko de Zamenhof, ebliganta tiel facile ekrilati kun ĉ i u j nacioj. Tamen ne ĉiu homo konsideras la aferon jam solvita kaj de tempo al tempo aperas projektoj pri — i n t e r s l a v a lingvo. Eĉ se iu sukcesus doni al Slavoj tian helpilon, li ne servus ali ili tiom, kiom servis Zamenhof al la tuta mondo (enkalkulante la Slavojn) ĉar tiuj ĉi devus poste lerni krom

la interslava lingvo ankoraŭ la tutmondan helplingvon — Esperanton, kiu cetere mem kontentigos ĉiun ilian bezonon.

En la jaro 1907 eliris en Kroměříž (Moravio) „Grammatik der neuslavischen Sprache“ de Prof. Ign. Hošek (Prezo 2 K).

Antaŭ kelke da semajnoj aperis lernolibro de **Slavina — slava Esperanto,** verkita de s-o Josef Konečný en Praha-Nusle (32 pĝ. Prezo 50 hel.). Post la tralego de la broŝuro ni povas diri sole tiom, ke ĝi estas apenaŭ skizo de skizo por lingvo. Ne aludante la proponatan sistemon, kiu, bazante preskaŭ ekskluzive sur la lingvo bohema, apenaŭ povus esti de la ceteraj slavaj nacioj konsiderata sufiĉe neŭtrala, ni nepre devas esprimi la opinion, ke Esperanto, gajninta jam ne sole Slavojn, sed rilatiganta nin kun la tuta mondo, neniel bezonas konsideri tiun ĉi proponon kiel gravan konkuranton. La aŭtoro de Slavina prezentas en sia verketo nemulte: kelke da gramatikaj reguloj, plejparte pri la deklinacio kaj kelke da frazoj — jen la tuta enhavo. La leganto trovas, provante legi la tekston, ke mankas instruo pri la akcento — ĉu la akcentado estas eble laŭvola? La bohema kritiko en siaj recenzoj konsideras la entreprenon tro supraĵa, ne ellaborita. Nin povas interesi la elekto de titolo por la verketo: „Slavina: slava Esperanto“, per kiu estas pruvite, ke la celo kaj signifo de nia helpa lingvo estas jam ĉe ni konsiderataj kiel tre bone konataj.

Ankoraŭ unu nova projekto aperis en la lastaj tagoj: **Slovanština,** kiun verkis prof. Edm. Kolkop en Jevíčko (Moravio). Eld. F. Boháček. Prezo 16 hel. La aŭtoro aludas kelkloke Esperanton, ĝian strukturon kaj ĝian vortaron, dirante: „Do, ankaŭ la artefarita interslava helpa lingvo devas esti laŭ ebleco simpla, proksimume tiel, kiel estas Esperanto rilate la helpajn lingvojn tutmondajn; ĉar sole simpleco de gramatiko kaj de vortfarado garantias al Esperanto venkon super ĉiuj antaŭaj, samtempaj kaj estontaj provoj pri la helpa lingvo tutmonda koncerne la gramatikan vidpunkton.“ Tiu ĉi opinio estas certe tre flata por Esperanto, sed ne senriproĉa estas la aŭtoro pro la sekvantaj vortoj de la antaŭparolo: „La vortojn por la lingvo interslava ne povas kaj ne devas elekti unu persono. Ĉar la plej granda kaj sola eraro en Esperanto estas, ke ĝia vortaro estis redaktita de unu homo, eĉ se geniulo. Tial la elekto de vortoj estas arbitra, sensistema. Rezultas el tio, ke por la vortelekto de lingvo artefarita estas bezonaj pli multaj kapoj.“ Dr. Schulhof en „Osvěta Lidu“ lerte refutas tiun ĉi malpravan diron: „Estas sendisputa fakto, ke Esperanto estis kreita de geniulo, estas komprenebla, ke la sama kreis ankaŭ la vortaron esperantan, sed la aŭtoro de Slovanština eĉ ne rimarkis, ke la fundamenta parto de la vortaro de Zamenhof estas sole negrava parto, kompare al la hodiaŭa riĉa vortaro esperanta, kies vortojn nek faris nek elpensis unu homo, eĉ ne unu institucio por tio elektita, sed miloj da izolitaj kapoj, do versence la vivo, kiel okazas ĉe ĉiuj lingvoj naturaj, vivaj kaj mortaj. Estas sendispute, ke Esperanto grandparte estas verko de genia Zamenhof, sed konsideri Esperanton kiel verkon de unu homo hodiaŭ absolute ne estas ebla, ĉar super ĝia organismo laboris de 25 jaroj tiom da kapoj kaj manoj, ke estas eĉ nepenseble, ke tiu ĉi kunlaboro restu senrezulta. En tio bazas la supereco de Esperanto, ke Zamenhof ne donis al la mondo pretan kaj definitivan laboraĵon, sed ke li sole montris kaj difinis la vojon, kiun liaj adeptoj ne devas forlasi, de kiu ili ne devas dekliniĝi, por ke ili ne erariru

plene. Cetere tiun fakton oni plej bone vidas sur la vortaro esperanta mem. La hipotezo, ke Esperanto estas lingvo elfunde elpensita kaj arta, estas do nepre falsa. Esperanto estas sole rezultaĵo de ĉiam pli intensiva internacia vivo eŭropa kaj nemortanta merito de Zamenhof estas kaj estos ĉiam, ke bone li elsondis la animon de tiu ĉi vivo kaj difinis al ĝi la ĝustan vojon, sed Esperanto tia, kia ĝi estas nun, ne estas plu verko de Zamenhof, sed verko de la vivo· Esperanto ne estas plu, por ke ni uzu vortojn de maljuna Kosina, meĥanismo, sed viva organismo."

# REVUO DE LA REVUOJ.

Dr. Stromboli, kiu estis la ĉefa propagandisto de Esperanto en Italujo kaj kiu en Kraków proponis, ke la **IX. Kongreso okazu en Genova**, dissendis antaŭ nelonge cirkuleron, per kiu li sciigas, ke li devas eksiĝi kiel membro de la organiza kongresa komitato kaj de la ceteraj italaj korporacioj esperantistaj „pro agado de kelkaj samnaciaj Esperantistoj, kiuj, por kontraŭbatali liajn personajn sentojn, kalumnias la „Genovan Esperanto-Unuiĝon", kontraŭstaras al la nacia Asocio, disvastigis la malveran sciigon, ke la 9-a kongreso ne okazos en Genova, disvastigis la famon, ke oni intencas fari la 9-an kongreson liberpensula kongreso, kaj semis konstante en la nomo de samideaneco malkonsenton en niaj vicoj" ktp., krom tio pro manko de tempo bezona por la aferoj privataj. La redakcio de „La Ondo de Esperanto", notante lian cirkuleron, aldonas interalie: „. . . Jam delonge ni rimarkis, ke ordinare, kiam unu persono komencas energie labori neeviteble li protestigas kelke da uloj, kiuj speciale sin okupas per intrigado, kvankam ili fiere portas la verdan stelon kaj elokvente parolas pri la tutmonda frateco. Kiam vi laboris nur por vi mem, ekz. por via komerca entrepreno, neniu „ŝovis nazon en vian vazon". Sed ĵus, kiam vi komencas labori senprofite, nur por la ideo, tuj vin atakas viaj samideanoj kaj ili diros, ke vi celas vian personan profiton, ke vi estas glorama, honorama ktp. Se, ekz. vi estas prezidanto kaj se vi multe monoferas por la societo, oni nepre diros, ke vi estas aŭtokrato, ke vi aĉetis la prezidantecon, ke en via kapo mankas klapo, kaj oni penos eksigi vin ĉiumaniere, ĉar viaj laŭroj enviigas kelke da personoj laŭramaj, sed ne laŭrindaj. Finfine, se via nervosistemo ne estas fera, vi preferos reokupi vin per privataj aferoj, tiom pli, ke vi riskas ne sole ruinigi vian materialan bonstaton, sed vi riskas, ke via reputacio kaj via honoro estos makulita, ĉar via malamikaro agas laŭ la proverbo: „kalumniu, kalumniu, restos io". Nu, vi foriras, kaj Esperanto perdas fervoran apostolon. . . . Se, — rekompence — oni fajfas, oni insultas, oni kalumnias, — nature la homo preferas plu ne reaperi antaŭ la publiko. Ne pri publiko esperantista speciale ni parolas, ne: — la dirita trajto karakterizas la publikon ĝenerale. Neniu publika movado estas asekurita kontraŭ intrigoj kaj nia esperanta movado bedaŭrinde ne prezentas „la feliĉan esceptonˮ.

*En la lasta n-o de „Oficiala Gazeto Esperantista" ni ĵus legas, ke la „Konstanta Kongresa Komitato" elektis kiel kongresejon por 1913 la urbon* **BERN** *en Svisujo, kiu ankaŭ prezentis ĉe la lasta kongreso sian inviton.*

# Z CELÉHO SVĚTA.

La Centra Asocio Bohema Unio Esperantista, espriminte al sia honora membro Sir Th. V. Strong gratulon okaze de lia eminentigo per ora medalo de nia ĉefurbo Praha, ricevis la 14. de decembro tiun ĉi respondon:

*Estimataj kunlaborantoj!*

*Mi ricevis vian fratan leteron de la 18. de novembro kaj el koro mi vin dankas pro la afablaj esprimoj per kiuj vi min gratulas je la granda honoro, kiun faris al mi via glora ĉefurbo Bohema Praha. Pri ora Praha mi retenas kaj ĉiam retenos orajn memorojn — kaj la ora medalo estos por mi altvalora simbolo pri la netaksebla amikeco kaj frateco inter via urbo kaj la mia — inter via lando Bohema kaj Granda Britujo.*

*Prosperu Praha! Floru Bohemujo! Kresku eterne l' amikeco tutmonda tiom helpita per la lingvo kaj la sento de Esperanto.*

*Kun plena estimo mi restas via sincera amiko*

*T. Vezey Strong.*

* *

**Přednášková cesta o Praze a o Čechách**, kterou podnikl koncem minulého roku prof. Pitlík z Prahy, setkává se s nejlepším úspěchem, jak o tom svědčí zprávy, které nám dosud byly zaslány. Před svým odjezdem uspořádal dne 16. prosince veřejnou českou přednášku ve škole „u Nejsv. Trojice" v Praze, při níž na 100 hostí mělo příležitost obdivovati serii 220 umělecky provedených diapositivů. O programu jeho cesty zmínili jsme se podrobněji v posledním čísle loňského ročníku. O výsledku přednášek referujeme podle chronologického pořadu.

1. **Brunšvik**, 18. XII. Přednáška dopadla výborně; ve svém proslovu ocenil vrchní soudce p. Reinking význam českého národa a Čechy a Prahu nazval perlou rakouské monarchie. Týž překládal esp. text přednášky do němčiny s p. Christoffelem a sl. Jahns. Účast 180 osob. Sál „Schultheis" přeplněn. Přijeli též Esp. z Harzburku. V nádherné esp. knihovně p. Reinkinga objevil prof. Pitlík též našeho Sherlocka Holmesa, o němž se p. Reinking vyslovil, že jest jednou z nejlepších esp. prací prosaických. Dnes zprávy o přednášce ve všech časopisech, které zastoupeny svými redaktory.

2. **Antverpy**, 20. XII. Přednáška pořádána v úzkém kroužku (100 osob) klubem Esp., spolkem fotografů amatérů a kroužkem pro studia vědecká. V proslovu p. Van Schoor výborně akcentoval politický význam českého národa; sám také text překládal.

3. **Lille**, 23. XII. Přednáška měla neobyčejný úspěch, konala se za účasti 250 osob ve fysikálním sále university. Z počátku překládal do frančiny p. Barat, stud. med., když se však ukázalo, že všichni účastníci rozumějí Esperantu, bylo pokračováno bez překladu. Univ. prof. Paillot děkoval řečníkovi po přednášce a pravil mimo jiné, že Francouzové, ač nejsou zvyklí poslouchati dlouhotrvající přednášky, tuto přece byli by poslouchali ještě déle, neboť nejen slova, ale i obrázky jsou tak krásné, jakých dosud ve Francii neviděli.

4. **Veghel**, 29. XII. Přednášce přítomno 120 osob; překládal do hollandštiny p. Schendeler, ředitel škol. Obrázky ze sokolského sletu a národní kroje tak se líbily, že musely býti opakovány.

5. **Uden**, 3. I. 1913. Přednášku navštívilo 100 účastníků; do

